WIKIPEDIA

# Evena lingvo

**Evena lingvo** (malnova nomo: *lamuta*) estas lingvo de evenoj. Ĝi apartenas al tungus-manĉura lingvaro kaj estas proksima al la evenka, la nanaja kaj la udega. El 17200 etnaj evenoj, la lingvon parolas ĉirkaŭ 7000 (laŭ censo de 2002). Ĝi estas uzata en bordo de Oĥocka Maro kaj apudaj regionoj. Ankaŭ lokaj grupoj de parolantoj ekzistas en Jakutio, Magadana oblasto, Ĥabarovska regiono, Korjakio, Kamĉatko kaj Ĉukotko.

## Enhavo



## Gramatiko

Gramatike evena lingvo estas sufikse-aglutina. La fonetiko diferencas en diferaj dialektoj. Ĝenerale en la evena oni trovas 18 konsonantajn kaj 20 vokalajn fonemojn (inkluzive longaj vokaloj kaj duondiftongoj **ia** kaj **ie**). Ekzistas vokala harmonio. Substantivoj havas 13 kazojn kaj ege riĉan sistemon de posedaj sufiksoj. Epitetoj kaj aliaj gramatikaj modifiloj havas pozicion antaŭ la substantivo kaj akordas ĝin je kazo kaj nombro.

La verboj apartenas al tri kategorioj: aktiva ago, komenco de ago kaj stato. Tiuj kategorioj havas diferajn konjugaciojn. Entute ekzistas 15 specaj kaj 6 voĉaj verbaj formoj, 6 formoj de participoj kaj 8 de gerundioj.

Leksikon influis jakuta, korjaka kaj jukagiraj lingvoj. Ekde 17-a jarcento aperas multaj rusaj prenvortoj.

## Dialektoj

Originale evenoj devenas de regionoj apud Bajkalo, sed dum ilia historio ili disvastiĝis en Okcidenta Siberio. Tie ili parte asimilis jukagirojn kaj poste estis parte asimilitaj fare de jakutoj. En Kamĉatko ilin ankaŭ influis korjakoj. En vastaj regionoj de Siberio interkomunikiĝo inter komunumoj estas malfacila kaj pro tio multaj prenvortoj kaj dialektoj aperis.

Lingvistoj difinas tri bazaj branĉoj de evena lingvo: la orienta, influita fare de la korjaka, la okcidenta, influita fare de la jakuta, kaj la meza. Entute ekistas ĉirkaŭ 20 de interkompreneblaj dialektoj: *armana*, *kamĉatka*, *oĥocka*, *olja*, *berezova*, *moma* ktp.

La literatura lingvo baziĝas sur *olja* dialekto de orienta branĉo. *Armana* dialekto estas plej arĥaa kaj havas plej multe da komunaj trajtoj kun evenka lingvo. Iuj sciencistoj opinias ke ĝi estu agnoskita estiel aparta lingvo.

## Skribsistemo

Ĝis 1932 evena lingvo ne havis propran skribsistemon. La sciencistoj uzis rusan alfabeton por skribi proksimuman sonecon de evenaj vortoj. En 1932 la Unua Tut-unia Konferenco pri Disvolvigo de Lingvoj kaj Skriboj de Nordo aprobis oficiigon de evena alfabeto surbaze de latina skribo. La alfabeto aspektis jene:

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| A a | Ā ā | B в | Є є | D d | Ʒ ʒ | E e | Ə ə |
| Ə̄ ə̄ | G g | H h | I i | J j | K k | L l | M m |
| N n | Ņ ņ | Ŋ ŋ | O o | Ō ō | P p | R r | S s |
| T t | U u | W w | | | | | |

Tiu alfabeto estis en uzo ĝis 1930-aj jaroj, kiam aperis emo ekuzi cirilan skribon por ĉiu lingvo de Sovetunio. En 1937 por la evena estis akceptita cirila alfabeto, kiu enhavis ĉiujn rusajn literojn kaj digrafon **Нг нг**. Ĉirkaŭ 1947 la digrafo estis abolita, sed en 1954 reenkondukita. En 1959 oni anstataŭigis digrafon **Нг нг** per litero **Ӈ ӈ**, krome estis aldonitaj literoj **Ө ө** kaj **Ӫ ӫ**.

Sed malgraŭ oficiaj ordonoj, fakte oni uzis diferajn skribsistemojn en diferaj regionoj. Pro manko de bezonataj prestipoj en presejoj oni anstataŭigis eksotikajn literojn per aliaj. Ekzemple, en Magadana oblasto por evenaj tekstoj oni uzis rusan alfabeton kun aldona litero **Н’ н’**. En Jakutio anstataŭ **Ӈ ӈ** oni uzis jakutan literon **Ҥ ҥ**, kaj ekde 1980-aj jaroj oni ankaŭ ekuzis aliajn jakutajn literojn **Ҕ ҕ, Һ һ, Ү ү** kaj **Ө ө**. Nur en komenco de 1990-aj jaroj pli-malpli ĉiuj evenlingvaj eldonoj akceptis unuigitan standardon, kiu estis inventita jam en 1959. Jen la standarda evena alfabeto:

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| А а | Б б | В в | Г г | Д д | Е е | Ё ё | Ж ж |
| З з | И и | Й й | К к | Л л | М м | Н н | Ӈ ӈ |
| О о | Ө ө | Ӫ ӫ | П п | Р р | С с | Т т | У у |
| Ф ф | Х х | Ц ц | Ч ч | Ш ш | Щ щ | Ъ ъ | Ы ы |
| Ь ь | Э э | Ю ю | Я я | | | | |

# Referencoj

- Endanĝeritaj lingvoj de Siberio: Evena lingvo (http://lingsib.iea.ras.ru/ru/languages/even.shtml) (ruse)
- Evenlingva teksto (http://pge.rastko.net/dirs/pge/pge05/100171/e100171.html) de Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj
- Artikolo pri evena lingvo (http://www.ethnologue.com/show_language.asp?code=eve) en paĝaro Ethnologue.com (angle)

**Tungus-manĉura lingvaro**
Manĉura • Nanaja • Negidala • Oroka • Oroĉa • Solona • Udega • Ulĉa • Gjurĉena • Evenka • Evena

**Oficialaj lingvoj de Rusio**

| | |
|---|---|
| **Tutŝtata oficiala (ŝtata) lingvo** | rusa (→) |
| **Lingvoj oficialaj (ŝtataj) en federaciaj subjektoj** | abaza · avara · agula · adigea · azerbajĝana · sudaltaja · baŝkira · burjata · dargva · inguŝa · kabarda-ĉerkesa · kalmuta · karaĉaja · komia · kumika · laka · lezga · nogaja · maria · mokŝa · oseta · rutula · |

